Liberacana
Konstrui Detrui
Barikado
ANARKIO KAJ ESPERANTO
# ANARKIO
INFORMA MONATA BULTENO
APRILO 2012
Nº 20




## Pri religion

Ne estus afero esti taŭga al anarkiismo, estas demando de konscienca kaj ĉiu havas la liberecon kredi en ke partioj viajn dezirojn kaj psikologie konsolo.

Kiu kondukas nin al preni pozicio kaj skribu sur ĉi tiu temo estas ke multaj religioj, aparte "regantaj" en donita regiono aŭ lando, anstataŭ resti etike neŭtrala kaj nure celus provizi kaj konstrui bonfarto inter ĝiaj "fideluloj" en io kredo sed ĝi influas en la misuzo de fido sur la popolo kaj gvidi ĝin al diskriminacio, maltoleremo kaj tuteca manko de respekto por tiuj kiuj ne kunhavas aŭ sekvas aparta religio (a, b, c, d ktp) aŭ simple ili ne havas religion aŭ ke ili ne kredas la ekziston de unu aŭ pli dia aŭ demonaj entoj.

Religioj krom promocias kaj sciigas sociaj malegalecoj kun plej diversaj absurdaj argumentoj plejofte, kaj defendi subpremada ekspluatada reĝimo en kio apartenas ĝin, riĉiganto sin kun suferado de aliaj, fonto de ĝiaj ekonomiaj, sociaj kaj politikaj rimedoj. Ni ne bezonas ilustrativaj detaloj, jam kio estas malfirma eksplicito de la religia teorio kun ĝia praktiko, kiel la kazo de la religioj kun multaj posedojn sed ĝi postulu abnegacion kaj oferon por viaj fideluloj kontraŭ ĉioj problemoj. Ni devas emfazi ke la religia demando ne estas elĉerpita kaj nek ni intencas aserti ekzisteco jes aŭ ne unu aŭ pluraj diaj estaĵoj.

Tiurilate, la anarkia tendenco estas reaserti kio estis unue skribita ke estas la respekto la religiaj praktikoj, kondiĉe ke tion ne estas subprematan kaj ekspluatatan fundamentatojn. Sed se ĝi estas, ni denuncas ĝin kaj ni estos ĝiajn kontraŭulojn ĉar ĝi estas malamikoj de la libereco kaj de la socia bonfarto. Kaj ni preteriras tion, ni postulas unu kunligita kompromiso kun kion ili kredas, tio estas, religioj kiuj predikas amo devas ami kaj ne inciti malamon aŭ konspiri kontraŭ la socio por renkonte predeterminoj bazitaj sur supernaturaj superstiĉoj kiuj kondukas al pli neegaleco en socio. Oni estas bezoneco ankaŭ kompreni rezignacia aspekto de la religioj ke servemiga kaj kreas rezigna maso de fideluloj aŭ ekbruligas ĝin en la procezo de masa histerio, en reakciaj agoj kontraŭ ĉio ke ili perceptas kiel minaco al religia vivmaniero kaj kiel estas ĝia pravo de ekzisto.

Kion ni volas ke religioj estas limigitaj proponi spirita komforto (ni memoras ke havas psikologio sen religia bazo estus tiel utila kiel religio) kaj ne superu tiun limon. En revolucia procezo, religio venas en la apogo de ĝiaj fideluloj, montrante ke la lukto por justeco, libereco kaj egaleco estas tre grava por vivo de ĉioj en ĉiuj areoj kaj plene kongrua kun la kredoj de frata amo kaj homa egaleco. Kondukti kampanjoj aŭ instigi ĝiajn sekvantojn kontraŭ revolucio estas atesti ĝian sindevontigon kun la neegalaĵo, kun la malriĉeco, kun la fanatikeco kaj la totalismaj kontrolo, kiu ne estos akceptita por ni.

En tuta kazo, tio estas tre grava detrui mensogaj religioj.

---

## Mahnovŝĉino



Mahnovŝĉino, mahnovŝĉino
Nigras flagoj pro la malesper'
Ili ruĝas pro kolero,
Ili nigras pro mizer'
El montoj kaj el la valoj,
Sub la neĝo kaj en la vent'
Grupe niaj partizanoj
Jam alkuris ja po cent'
Mahnovŝĉino, Mahnovŝĉino
En vi luktis la partizan'
Kiu volis en Ukrainio
Liberan landon sen tiran'
Januare lenina kontraktoj
Vendis la landon al la German'
Sed julie Mahnovŝĉino
Lin forpelis per la man'
(Trad. : JoMo kaj Liberecanoj)

# Manifesto de la Sennaciistoj

## Daŭrigon

Ĉiu bone konas la agitvorton de Lenin, kiu rekomendis: «aliigi la imperiisman militon en civilan militon». Sed tio tute ne signifas, ke la genia gvidinto de l' III-a Internacio konsentis, ke la popoloj rezignu batali por siaj «naciaj rajtoj», kiam fakte ili estas minacataj. La jam citita teksto (pĝ. 13, piednote) estas tre klara tiurilate.

Cetere en la plej freŝdata (1928) Programo de Komunista lnternacio estas dirite:

«Agnosko pri la rajto de ĉiuj nacioj, sendepende de ilia rasa aparteno, pri plena memdispono, t. e. ĝis ŝtata apartiĝo.»

Tia vidpunkto estas ankaŭ agnoskata de la II-a Internacio. Ĝi estas l ainternaciisma vidpunkto, k cetere la sole aplikebla en la nuntempaj kondiĉoj.

Kiel konate, Lenin k Roza Luksemburg polemikis inter si pri la nacia problemo, sed estus granda eraro opinii, ke Roza konsentis al la sennaciigo de l' popoloj. En la «Junius»-broŝuro, aperinta en 1915, riproĉe al la germana socialdemokrata partio, ŝi pledas la tezon, ke dum milita tempo la proletoj ne devas ĉesigi la klasbatalon, tial ke:

«Kiel jarcentoj atestas, ne estas la sieĝa ŝtato, sed la necedema klasbatalo, kiu vekas la memestimon, la oferemon k la moralan forton de l' popolamasoj, kio estas la plej bona ŝirmo k la plej bona defendo de la lando kontraŭ eksteraj malamikoj.»

Kaj R. Luksemburg ĉe la fino de sia verketo konkludas:

« . . . la germana socialdemokratio povus efiki kiel lumturo, se ĝi restus konsekvenca . . . La germana proletaro restus la turgardanto de l' socialismo k de la liberigo de l' homaro, – k tio estus sendube patriota verko (6), kiu ne estus malinda je la disĉiploj de Marks, Engels k Lasal.»

Tiel ne parolus sennaciisto.

Ni citu ankoraŭ la opinion de unu el la nuntempaj plej aŭtoritataj marksistoj, Oto Baŭer. En sia libro kun titolo: Problemo pri Naciecoj k Socialdemokratio li argumentas, ke la socialismo estos kvazaŭ la apogeo de l' naciismo:

«Nur la socialisma socio faros la nacian kulturon posedo de l' tuta popolo k per tio faros el tuta popolo nacion. Tial ĉiu evoluisma nacia politiko necese estas socialisma politiko (pĝ. 164) . . . La fakto, ke la socialismo faras aŭtonoma la nacion, ĝian sorton la produkto de sia konscia volo, havas kiel efikon do kreskantan diferencigon de l' nacioj en la socialisma socio, pli akran distingon de iliaj apartaĵoj, pli akran dividon de iliaj karakteroj unu de l' alia (pĝ. 105). . .

Alkonduko de l' tuta popolo al la nacia kulturkomuno, akiro de plena memdecido per la nacio, kreskanta diferencigo de l' nacioj – tio signifas socialismon» (pĝ.108).

Ni povus multobligi la pruvojn pri tio, ke internaciismo k sennaciismo ne estas samsignifaj. Ne necesas. Ni aldonu tamen unu rimarkigon. Ĉiu konsentos kun ni, ke la gvidintoj k gvidantoj de la diversaj Internacioj estas sufiĉe kleraj homoj por scii, ke ekzistas en ĉiuj kulturlingvoj la vorto kosmopolitismo, kiu etimologie havas proksimume la saman signifon kiel tiun, kiun ni donas al la vorto sennaciismo. Se tiuj homoj volus meti en la programon de siaj respektivaj

Internacioj, ke ili celas la sennaciigon de l' mondo, ili certe ne parolus pri internaciismo sed pri kosmopolitismo. Tiel ili ne faris k tio plej bone pruvas, ke la nacioj estas de ili konsiderataj kiel io konservinda k defendinda.

Sed ili eble estas pravaj. Tio estas alia demando k ĝis nun ni celis nur refuti la senbazan aserton de kelkaj personoj, kiuj volas kredigi al la esperantistaro, ke la vorto internaciismo estas samsignifa kiel la sennaciismo, ekĝerminta en la SAT-movado. Tiuj homoj estas ĉu politike analfabetaj, ĉu konsciaj erarigantoj. Ili pensigas nin pri tiu monaĥo, kiu baptonomis kuniklon karpo por povi senpeke ĝin manĝi iun sanktan vendredon. Sed ni ne konsentos al tio, ke la sennaciismo estu identigita kun la internaciismo en la celo fari el ĝi ian partian ortodoksaĵon. Vero estas, ke nek etimologie, nek historie oni povas identigi la du ismojn.

Fakto restas, ke plej aŭtoritataj homoj el la laborista movado ŝatas k admiras sian nacian kulturon k predikas por ĝia ĉiamigo.

Kaj ĉu ni miru pri la ĉi supraj konstatoj? Certe ne. Ĝenerale la politikaj partioj celas akiri la regadon super sia propra lando.

Daŭrigas en proksima numeron.

---




## Ni ankoraŭ bezonas voluntulojn!

Nia iniciatemo bezonas voluntulojn por skribi, traduki, desegni aŭ por iu ajn kontribuaĵo.
Ĉia helpo estas bonvenan, dankon!
Sanon kaj anarkion!

**Kontaktojn**
Liberacana Barikado
CP: 5005 - 130036-970 Campinaso - San-Paŭlio
m.e.: barriliber@anarkio.net    m.e.: fenikso@riseup.net
http://anarkio.net